24a Jaro - No 6 (256) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Junio 1938a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.33

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
41, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

LA SENFINA RONDO

## Antverpeno, Charleroi, Hasselt

La flandra poeto Ledeganck skribis belan trilogion, kanton je l'honoro de tri fraturboj kaj tiuj tri fraturboj estas Antverpeno, Bruĝo kaj Gento.

En ĉiu el ili, la poeto prikantis la specialajn glortitolojn de la tri, ĉiuj flandraj, sed tamen tiom diversaj urboj.

Ĉiujare, ĉirkaŭ la Pentekostaj tagoj, ni ankaŭ povus meti tri nomojn en honorigan lokon. Sed neniam temus pri tri flandraj urboj, nek pri tri valonaj urboj.

Car la tri nomoj, kiujn ni povas tiel, ĉiujare, antaŭmeti al nia legantaro estas tiuj de tri sinsekvantaj kongresurboj: tiu de la tuja estinteco; tiu de la nuna vivoplena estanteco kaj tiu de la esperplena estonteco.

Kaj pro la magia regulo de Reĝa Belga Ligo Esperantista, kiu decidis ke, post flandra urbo, valona estos elektata kaj post valona, flandra, la tri nomoj, kiujn ni tiel kunigas, kunligos ĉiam la sudon al la nordo, ĉu per du nordaj ĉeneroj kaj unu suda, ĉu per du sudaj al unu norda.

Sed ĉiuj kune, tiuj ĉeneroj, formas allog[illegible] serpentuman ligilon, kiu traboras la graniton, la ŝtonon, la ardezon de nia industria Hanagovio, defalas de la montetoj de niaj Ardenoj kaj alfluas en la ebenaĵojn de nia flandra lando.

Ĉiuj kune, tiuj ĉeneroj prikantas, ne la gloragojn de la enloĝantoj de la diversaj urboj, kiel faris la flandra poeto, sed ili estas por ni Esperantistoj tiom da mejlokolonoj en la senfina, ĉiam peza, sed tamen ofte feliĉiga irado de nia propaganda movado.

Bruĝo, La Louvière, Antverpeno — La Louvière, Antverpeno, Charleroi kaj nun Antverpeno, Charleroi, Hasselt estas nur la momentaj vizaĝoj de la daŭra, senhalta pliantaŭenigo de nia propagando en ĉiam novaj centroj, novaj regionoj.

Sed ĉu ni iras al la havenurbo Antverpeno, kie ni estis akceptataj de grupo jam malnova kaj de vizaĝoj jam konataj; ĉu ni iras al Charleroi por esti akceptataj de niaj novaj amikoj, ĉu ni iros, proksiman jaron, al Hasselt, ĉiam ni iras al Kongreso, por tie retrovi la necesajn fortojn, kiujn ni bezonas por tutjara laborado por nia Idealo

Tiun forton ni ĉiuj devas havi la intencon doni al niaj amikoj, venintaj el aliaj urboj, venintaj eĉ el aliaj landoj.

Tial ni iru al la Kongreso, kiel al la granda festo de la Belga Esperantistaro, kun la deziro kaj la volo, faciligi al ĉiuj, per nia propra bona volo, la laboron; helpi per ĉiuj niaj propraj rimedoj, ĉu tiuj rimedoj estas nur konsiloj aŭ efektiva laborkapablo.

Kaj tiam, memorinte pri la antaŭa kongreso, ĝuante la hodiaŭan kaj jam antaŭvidante kun plezurego la baldaŭ estontan, tiun de la jaro 1939, ni ĝuos kune tagojn de vera feliĉo, kiujn ni ankoraŭ dum monatoj gaje memoros.

Kvankam nenie jam troviĝis informo pri tiu decido de la Ligestraro, la leganto jam, per la titolo de tiu ĉi artikolo kaj per kelkaj paragrafoj el ĝi, eksciis, ke la Kongreso, en 1939, okazos en Hasselt.

Tiu akurata decido de la Ligestraro montras al la membroj de la Ligo, ke ĝiaj gvidantoj ne nur dum tiuj ĉi lastaj semajnoj zorgis, ke, dank' al la ĉiutaga kunlaboro de la LKK en Charleroi, ĉio [illegible] ordo po[illegible]in akcepti plej bone, sed ankaŭ pripensis kaj jam prizorgis la daŭrigon de nia tradicio, la daŭrigon de nia Kongreslisto.

Kaj tiu konstato pri labormaniero, kiu ne nur atentas pri estinteco, ofte brila; kiu ne nur prizorgas la estantecon sed ankaŭ pensigas pri la estonteco, estos eble, por kelkaj inter tiuj, kiuj ne jam enskribiĝis aŭ kiuj ne jam decidis firme iri al Charleroi, instigilo por tamen tuj fari findecidon.

Kiam ni skribis la antaŭan artikolon, kun alvoko por Charleroi, ni havis antaŭ niaj okuloj, liston kun nur 100 nomoj.

Ni diris la nepran neceson, ke nia Kongreso en Charleroi havu duoblan partoprenantaron.

Niaj membroj kaj niaj amikoj en la apuda eksterlando honorigis nian subskribon kaj nun, unu semajnon antaŭ la Kongreso, ni jam enskribis nian 186-an aliĝinton.

Sed la cifero, kiun ni citis kiel nepre atingotan celon, tamen ne estas cifero, kiu ne povas esti superata.

Se la vico de niaj Kongresoj estas senfina, ankaŭ la membraro de ili estas senlima.

Kaj je la lasta momento do kongresano restas bonvena !

Maur. JAUMOTTE.

# XXVII-a Belga Kongreso de Esperanto

## Charleroi, 4a ĝis 6a de Junio

**Honoraj Prezidantoj:** S-ro Joseph Tirou, urbestro de Charleroi.
S-ro Jules Hiernaux, eks-ministro de Publika Instruado kaj ĝenerala Direktoro de la Labor-Universitato.

**Honora Komitato:** S-ro Jean Laurent, Distriktestro.
S-ro Georges Dryon, skabeno de Publika Instruado de Charleroi.

**Loka Kongresa Komitato:** S-ro R. Marghem, prezidanto;
S-ro C. Cafonette, vicprezidanto.
S-ro N. Molle, sekretario.
S-ro E. Severin, kasisto.
S-roj L. de Greef, V. Demoulin, R. Goodwin, E. Pettiaux, A. Ringlet, kaj J. Waterlot, komisaroj.



La kastelo de Chimay.



La preĝejo de Chimay.

## Nia ekskurso

Nia Kongreso okazos en tio, kion oni kutimas nomi « le Pays Noir », eĉ en ties ĉefurbo.

Kaj, fakte, Charleroi estas ĉirkaŭata de la konataj nigraj, karbmateriaj montetoj.

Tio tute ne signifas, ke Charleroi mem estas nigra urbo. Charleroi kontraŭe estas alloga urbo, kiu, je belaspekto, je magazenoj ĉiuspecaj kaj luksaj, nenion devas envii al pli grandaj urboj en la lando.

Sed ĉiel oni tamen vidas, ke ĝi estas centro de grava industria vivo.

Kaj estos unu el la plezuroj de la kongreso viziti, ĉu iun grandan uzinon; ĉu la faman Universitaton de la Laboro, altnernejon, kiun oni povas, en nia lando, nur imagi al si, ĝuste en tiu urbo Charleroi.

Dum la lunda ekskurso, ni tamen elflugos el tiu industria centro, por veturi 50 kilometrojn suden, al Chimay, fama, malnova urbo, kun la kastelo de la Princoj de Chimay, la malnova preĝejo kaj diversaj aliaj vidindaĵoj; kun en la bienaro de la princa familio, — je tri kilometroj, — la belega Lago de Virelles, la plej granda akvetendaĵo en Belgujo, pli ol 123 hektaroj, meze de 250 hektaroj da parko kaj arbaro.

Estas belega ĉirkaŭaĵo ka, la parko estas, de pasinta jaro, alirebla, kontraŭ pageto, al la publiko.

Ni, en tiu ĉirkaŭaĵo havos la okazon, resti agrable kune, dum ni vizitos plej interesajn lokojn, por fine, reveturi al Charleroi, kie okazos la fina disiro.

Tiu ekskurso, kiu estas pli ol 125 km. longa, tre certe allogos ĉiujn kaj ĉar ĝi estos farata per speciala vagonaro, aparte organizita por niaj Kongresanoj, ĝi okazos en la plej bonaj kondiĉoj.

Ĉi apude niaj legantoj trovas kelkajn vidaĵojn el tiu bela regiono, kiun multaj certe nur konas laŭ onidiroj, sed verŝajne neniam mem detale vizitis.

## Ĝenerala programo

**ATENTU pri la malgrandaj ŝanĝoj en la horoj kaj en la lokoj. La Ligestraro kaj la L.K.K. atentigas ankaŭ pri la nepra neceseco observi akurate la indikitajn horojn.**

**SABATON 4-an DE JUNIO.**

14.00 h. Malfermo de la akceptejo en « Passage de la Bourse ».
Vizito de delegacio al la tombo de S-ro Henraut.
17.00 h. Laborkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista en la salonego de la Borso.
20.00 h. Intima kaj interkonatiga vespero en la salono de la Borso.
24.00 h. « La Espero ».

**DIMANĈON 5-an DE JUNIO.**

9.00 h. Ekster programo :
Katolika Di-servo en la preĝejo « Saint-Antoine » kun prediko en Esperanto de Pastro J. De Maeyer.
Protestanta ceremonio en salono de « Cercle Polyglotte ».
9.45 h. « Passage de la Bourse » : Kongresa kunsido. Ĝenerala kunveno de Reĝa Belga Ligo Esperantista.
11.00 h. Oficiala akcepto de la urbestraro. Vizito de la nova urbdomo.
12.00 h. Fotografado de la Kongresanoj.
12.15 h. Vizito al la monumento de la Militmortintoj. Flordemeto.
12.45 h. Komuna tagmanĝo en la « Hôtel Terminus », Place Emile Buisset, kontraŭ la stacidomo, kaj ne en « Espérance », kiel indikite sur la aliĝilo.
14.00 h. Ekskurso al la « Usines de la Providence », en Marchienne-au-Pont. Tiun ekskurson povos partopreni maksimume 75 kongresanoj, kaj, pro la danĝero, kiun ĝi prezentas, nur sinjoroj estos allasataj. Gvidataj de du teknikistoj, oni vizitos la diversajn fakojn de la uzinoj.
Dume : la sinjorinoj kaj la sinjoroj, kiuj ne partoprenas la viziton de tiu uzino, havos la okazon viziti, grupe kaj kun gvidanto la famkonatan Labor-Universitaton, ĝian muzeon kaj la subteraĵojn de la malnovaj fortikaĵoj de la urbo.
18.00 h. Festeno en la « Hôtel Terminus ».
Poste: grandioza balo kun la orkestro « The Blig Boys' Jazz ». — Baleto de la dancistinoj de la Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista, sub gvidado de G-roj de Vooght, kaj dancnumeroj de F-ino Marcelle Bonge, artistino de la dancistaro de la nacia Teatro de la «Monnaie».

**LUNDON 6-an DE JUNIO.**

9.30 h. Granda tuttaga ekskurso

**Foriro per speciala vagonaro.**

Oni estu en la stacidomo, je la 9a 15.
Tra Lobbes kaj Thuillies al Chimay.
Alveno en Chimay, proks. je la 11a h.
Vizito de la urbo kaj de la Kastelo.
Akcepto en la Urbdomo.
Komuna tagmanĝo.
Poste, promenado piede al Virelles (3 km.). Vizito al la Lago (refreŝiĝo, remado, naĝo, amuzoj diversaj). Reforiro el Lompret kaj reiro al Charleroi, tra Mariembourg.
Alveno en Charleroi ĉirkaŭ 18 h 30.

**LISTO DE KONGRESANOJ:**

100. S-ro G. Vanveuren, Marcinelle-Charleroi.
101. S-ino S. Alofs, Woluwe Sta Lamberto.
102. S-ro A. Alofs, Woluwe Sta Lamberto.
103. F-ino M. Hofkens, Antverpeno.
104. S-ro Ach. Wauters, Antverpeno.

(Vidu sekvon dorsflanke)

La Kongresanoj, kiuj alvenas unuope en Charleroi, estas petataj iri, rekte, al la sidejo de la « Cercle Polyglotte », Passage de la Bourse, kie ili estos akceptataj kaj NE al la Sekretariejo 55, Montagne.
Elirante la stacidomon, la kongresanoj troviĝas kontraŭ la Place Emile Buisset; en ties fundo, la unua strato dekstre estas la Leopoldostrato, en kiu, post 50 metroj, ekvidiĝas la « Passage de la Bourse » en kiu esperanto-flagoj flirtos.
Tiuj, kiuj alvenas dimanĉmatene, je la horo de la meso, sciu ke la preĝejo « St. Antoine » troviĝas ĉe la eliro de la « Passage de la Bourse », do je 3 min. de la stacidomo.
Por iri ĝis la Urbdomo, 10 minutoj sufiĉas kaj la tramveturiloj 1, 4, 7, 8 kondukas al la « Ville Haute ».



La lago de Virelles.



La vilaĝo de Virelles.

105. S-ro E. Pettiaux, Jumet-Charleroi.
106. S-ro Louis Degreef, Charleroi.
107. F-ino A. Van Driessche, Hamme.
108. S-ro Roberto Delrue, Tornako.
109. S-ino Andreino Delrue, Tornako.
110. S-ro Albert Masselier, Neuilly.
111. S-ino Albert Masselier, Neuilly.
112. S-ro Albert Thooris, Bruĝo.
113. S-ro Léon Braet, Nieuwpoort.
114. S-ino Léon Braet, Nieuwpoort.
115. S-ro Carlos Braet, Nieuwpoort.
116. S-ro Marcel Braet, Nieuwpoort.
117. S-ro Georges Sengel, Rotterdam.
118. S-ino Sophie Sengel, Rotterdam.
119. S-ino Julia Plyson, Bruselo.
120. F-ino Louise Plyson, Bruselo.
121. F-ino Matildo Kestens, Bruselo.
122. F-ino Rachel Berton, Bruĝo.
123. F-ino Maria Mahieu, Bruĝo.
124. F-ino Germaine Verplancke, Bruĝo.
125. S-ro Pierre de Vooght, Bruĝo.
126. S-ino Paula de Vooght, Bruĝo.
127. F-ino Monique de Vooght, Bruĝo
128. S-ro Edouard Verbeke, Bruĝo.
129. S-ro D. Van der Stempel, Koekelberg.
130. S-ino R. Van der Stempel, Koekelberg.
131. S-ro Charles Asselman, Antverpeno.
132. F-ino Albertine Lepeer, Bruĝo.
133. S-ro Louis Douchamps, Jette.
134. S-ro Louise Douchamps, Jette.
135. S-ro Fr. J. Haselier, Kerkrade (Nederl.)
136. S-ro A. Cheppe, Pâturages.
137. S-ino Algrain-Coucke, Bruĝo.
138. S-ro Kurt Radnig, Berlin.
139. S-ro Gabriel Spoon, Bruĝo.
140. S-ino Spoon-Wustrow, Bruĝo.
141. S-ro A. Van Eeno, Bruĝo.
142. F-ino Marie-José Declerck, Bruĝo.
143. F-ino Obéline De Jaegher, Bruĝo.
144. S-ro M. Ballenghin, Bachy p. Cysoing (Fr.)
145. S-ro Petro Hart, Ixelles.
146. S-ino Jeanne Hart, Ixelles.
147. F-ino M. Gebler, Couillet-Charleroi.
148. S-ro Clotaire Vandevelde, Gento.
149. S-ino M. Vandevelde, Gento.
150. S-ro Paul Vandevelde, Gento.
151. S-ro Marcel Roost, Antverpeno.
152. S-ro L. Popiol, Fresnes sur Skeldo (Fr.)
153. S-ro A. Léchelle, Vicque Fresnes s Skeldo
154. S-ino J. Mannevy, Fresnes sur Skeldo.
155. F-ino M. Mestdagh, Bruĝo.
156. S-ro Marcel Dubar, Thuin.
157. S-ro J. Timmerman, Gento.
158. S-ro C.H. Bramkamp, Scheveningen (N.)
159. S-ino J.G. Bramkamp, Scheveningen.
160. F-ino J.G. Bramkamp, Scheveningen.
161. S-ro Paul Yernaux, Lodelinsart-Charleroi.
162. F-ino Lucienne Gilson, Charleroi.
163. S-ro Abato De Maeyer, Nivelles.
164. F-ino Jeanne Schepens, Bruĝo.
165. S-ino Jeanne Bonge, La Louvière.
166. F-ino Marcelle Bonge, La Louvière.
167. S-ro Oscar Burton, Jeumont.
168. S-ro M. Rampanaux, Jeumont.
169. F-ino Simone Bretelle, Jeumont.
170. F-ino Léone Marsal, Jeumont.
171. S-ro Georges Pluchard, Jeumont.
172. S-ro Frederic Turner, Rochester (Angl.).
173. S-ro R. Geerinck, Sta. Nikolao (Ws.).
174. S-ino Maurice Van Wanseele, Aalst.
175. F-ino L. Lauvaux, Marchienne-au-Pont.
176. Samideano X..., Gentbrugge.
177. S-ro Charles Van Reybroeck, Antverpeno.
178. S-ino El. Van Reybroeck, Antverpeno.
179. S-ro Gilbert Messe, Morlanwelz.
180. F-ino Paula Teurlings, Antverpeno.
181. S-ro Van den Bossche Pierre, Antverpeno.
182. S-ro J. Ravestein, 's Gravenhage (N.)
183. S-ino Ravestein, 's Gravenhage (N.).
184. S-ro Dercks, Bruselo.
185. S-ino Dercks, Bruselo.
186. F-ino Dercks, Bruselo.

# Belga Esperanto-Instituto

## ĜENERALA JARKUNSIDO

Dimanĉon, la 1-an de Majo okazis en Antverpeno en la « Esperanto-Domo », sidejo de nia koopera Societo, la ĝenerala jarkunsido de « Belga Esperanto-Instituto. »

S-ro Jaumotte, administranto-prezidanto, malfermis la kunsidon, bonvenigis kaj aŭdigis la raporton de la administrantaro pri la agado dum la societa jaro 1937-38, el kiu raporto ni ĉerpos kelkajn paragrafojn.

Post ĝia aprobo, la akciuloj aŭdis kaj aprobis la raporton de la gekomisaroj kaj la bilancon kaj kalkulon de profitoj kaj perdoj ĝis la 31-a de Marto 1938 kies saldo estas denove transportata al la jaro 1938-39. La kunsidantaro kvitigis per du specialaj voĉdonoj, la administrantojn kaj la komisarojn kaj okupis sin pri la parta renovigo de la administrantaro.

Ĝi konfirmis la mandaton de S-ro Oscar Van Dijck; reelektis S-ron L. De Hondt kaj alelektis S-ron Georges Van den Bossche, kiel administrantojn kaj reelektis S-inon H. Schoofs, kiel komisarinon dum ĝi malakceptis la eksiĝon de S-ro Sielens, prezentitan en la daŭro de la jaro, — pro situacio, kiu tamen intertempe sanĝiĝis, — kaj rezervitan de la Prezidanto ĝis la ĝenerala kunsido.

La administrantaro nun konsistas el: S-roj Van den Bossche (1939); Oscar Van Dijck (1940); Morris De Ketelaere (1941); Edg. De Coster (1942); Ch.

---

### BILANCO JE LA 31-a DE MARTO 1938.

AKTIVO:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Magazeno | Fr. | 114.441,68 | | |
| Meblaro | Fr. | 10.720,55 | | |
| | | | Fr. | 125.162,23 |
| Enkaso (kaso, banko, poŝtĉeko) | | | Fr. | 2.103,51 |
| Garanti-deponoj (diversaj) | | | Fr. | 1.082,65 |
| Akciuloj (kapitalo pagata) | | | Fr. | 51.644,12 |
| | | | **Fr.** | **179.992,51** |

PASIVO:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Socia Kapitalo | Fr. | 120.400,— | | |
| Laŭleĝa rezervo | Fr. | 3.300,— | | |
| Eksterordinara rezervo | Fr. | 3.000,— | | |
| | | | Fr. | 126.700,— |
| Amortizoj: Magazeno | Fr. | 23.000,— | | |
| Meblaro | Fr. | 2.835,75 | | |
| Provizo por impostoj | Fr. | 1.051,40 | | |
| | | | Fr. | 26.887,15 |
| Ŝuldantoj kaj Kreditoroj | Fr. | 11.899,16 | | |
| Prunto | Fr. | 9.000,— | | |
| Dividendoj pagotaj | Fr. | 84,— | | |
| | | | Fr. | 20.983,16 |
| Profito | | | Fr. | 5.422,20 |
| | | | **Fr.** | **179.992,51** |

### KALKULO DE PROFITOJ KAJ PERDOJ.

DEBETO:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Administraj kostoj | | | Fr. | 32.712,26 |
| Kurz-diferenco | | | Fr. | 17,09 |
| PROFITO | | | Fr. | 5.422,20 |
| | | | **Fr.** | **38.151,55** |

KREDITO:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Transporta saldo 36/37 | | | Fr. | 13.002,43 |
| Magazeno | Fr. | 16.606,99 | | |
| Presa servo | Fr. | 4.563,85 | | |
| Prizorgado | Fr. | 3.599,— | | |
| Abon-servo | Fr. | 233,70 | | |
| Diversaj enspezoj | Fr. | 183,58 | | |
| | | | Fr. | 25.149,12 |
| | | | **Fr.** | **38.151,55** |

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 21a h.

Sabaton, la 4-an de Junio: Kongreso en Charleroi. La nepartoprenantoj kunvenos intime en « Witte Leeuw ».

Sabaton, la 11-an: S-ro Jaumotte raportos pri la kongreso. (Esperanto-Domo)

Sabaton, la 18-an: Paroladeto de S-ro Faes: « Kelkaj sciindaĵoj pri Alberto Ia ». (Witte Leeuw)

Dimanĉon, la 19-an: Granda ekskurso al Marche-les-Dames kaj Beauraing. (Fr. 50,—.) Detaloj dum la kunvenoj.

Sabaton, la 25-an: Manĝvespero en hotelo « Le Phare », Koningin Astridplein, 4, je la 20 h. 30.

Dimanĉon, la 26-an, ekskurso al Gheel. Detaloj dum la kunvenoj.

Dimanĉon, la 3-an de Julio: ŝipekskurso al Vlissingen. Foriro de la flosponto, Suikerrui, je la 8-a matene. Reveno vespere inter la 20-a kaj 21-a. Prezo: verŝajne fr. 17,50. Oni bonvolu enskribigi sin, kun familianoj kaj geamikoj dum la grupkunvenoj, ĉe s-ro A. Lodema.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Junio 1938, ĉiuj en la kunvenejo:

Mardon, la 7-an: Raportado pri la Kongreso (Prez. S-ro Ch. Poupeye).

Mardon, la 14-an: a) dikto de kanto (Prez. F-ino Y. Thooris); b) Reklamvespero (Prez. S-ro H. Van Roye).

Mardon, la 21-an: a) 8-a leciono de la kurso por progresantoj (Prez. S-ro H. Van Roye); b) Kantado, gvidado: S-ino Ch. Poupeye; ĉe la piano: S-ino H. Van Roye.

Mardon, la 28-an: a) Lekcio de S-ro R. Groverman, advokato pri: «Historio de Esperanto», I-a parto (Prez. F-ino M. Vanden Berghe); b) Esperanta kartludado (Prez. S-ro K. Decoster).

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la Sidejo, Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo.) Tel.: 315,61.

---

Van der Veken (1942); Maur. Jaumotte (1943), H. Vermuyten (1943); L. De Hondt (1944).

La gekomisaroj estas: F-ino Yvonne Thooris (1939); S-ino F. Staes (1940); F-ino J. Morrens (1941); S-ro H. Sielens (1942); S-ro R. Dechesne (1943); S-ino H. Schoofs (1944).

### El la raporto de la administrantaro.

La rezultato de la nuna jaro, kiu estas konsiderota kiel bona kaj kiu permesas, por la sekvanta jaro, esperon ankoraŭ pli bonan, ĉar la vendado dum la tuta jaro okazos en nia nova sidejo, tamen ne permesas daŭrigi senhezite kaj senpripense la vojon, kiun ni proponis kaj kiun vi decidis aliri antaŭ unu jaro.

Via administrantaro petas vin fidi en ĝi, por starigi la, laŭ ĝi, necesajn ŝparojn en la ĝeneralaj elspezoj.

NEGOCOJ: (Vendado kaj presado): Tiu negoco farita en la magazeno kaj de la oficejo atingis dum la jaro 1937/38 komercciferon de pli ol Fr. 130.000.

La administrantaro insistas apud ĉiuj membroj, por ke ili aĉetu en nia magazeno, ne nur siajn esperantaĵojn, sed ĉiujn paperaĵojn kaj artiklojn de paperejo, kies vendado same bone, kiel la Esperantaĵoj, helpas al la vivigo de nia tuta afero.

Nia presa servo daŭrigis tutregule la presadon de la diversaj revuoj kaj gazetoj, kiujn ĝi jam prizorgis la antaŭan jaron kaj akiris ankaŭ kelkajn aliajn fidelajn klientojn.

ELDONADO: La jaro 1937/38 estis grava societa jaro en tiu rilato.

Ni estis efektive devigataj represigi diversajn el nia propraj eldonaĵoj, kiuj elĉerpiĝis.

Tiuj represadoj de libroj en miloj da ekzempleroj, je nia propra konto, elirigis en malmulte da tempo, iom multe da mono, dum la reenspezo iĝas malrapida kaj iom post iom kaŭzas malfacilaĵojn al la spez-fako, kiu ne plu tiel regule kaj tiel abunde disponas pri disponebla mono.

Konsiderante la malfacilan situacion de multaj el niaj membroj en tiu ĉi kriza periodo, via administrantaro tamen ne decidis alvoki ĝeneralmaniere la 10 % de la kapitalo, kiujn ĝi rajtas ĉiujare alvoki.

Ĝi faras tamen alvokon al ĉiuj, kiuj ne plene pagis sian subskribitan kapitalon, por ke ili, se eble, pagu 10 aŭ 20 % de la subskribita sumo, por ke ĝi pli facile povu labori.

Aliflanke nia Instituto akiris la eldonrajton de la bela verkaro de nia Majstro, kunigita sub la titolo « Fabeloj de Andersen ». Tri el la kvin volumoj estis jam eldonitaj sed preskaŭ tute elĉerpiĝis, dum la du lastaj volumoj neniam estis presataj.

Estos nia zorgo dum la sekvanta jaro, antaŭenpuŝi la pluan eldonadon de tiu bela verko, kiun ĉiu Esperantisto ŝatos posedi.

KORESPONDA KURSO: Unu el niaj zorgoj dum la societa jaro 1937/38 estis la efektivigo de deziro jam de longe esprimita de la propagandaj instancoj de nia movado: la eldono de koresponda kurso simpla kaj malmultekosta.

Ni havis la ĝojon komenci la ekspluatadon de tiu kurso dum la lastaj tagoj de la societa jaro. La abonoj al tiu kurso, eldonita en la du lingvoj flandra kaj franca, ne jam kapablis influi nian budĝeton nunan, sed certe, laŭ la unua impreso akirita, influos la sekvontan.

AKCIULOJ KAJ KAPITALO: Je la 31a de Marto 1938, la nombro de niaj akciuloj estis 207 kaj nia kapitalo subskribita Fr. 120.400.

INVENTARO: La inventaro de la ne-esperantaĵoj, same kiel de la esperantaĵoj, en iom grava proporcio, kreskis dum la societa jaro: la ne-esperantaĵoj pro la aldono, en la nova magazeno, de multaj artikloj, inter kiuj marmoraj kaj ledaj, kies vendado ne ŝajnis ebla en la kvieta Willemsstraat; la esperantaĵoj pro la jam aludita elĉerpiĝo kaj represo preskaŭ samtempa de diversaj el niaj propraj eldonaĵoj.

Je la 31a de Marto 1938 nia inventaro sumiĝis je Fr. 114.441,68.

Ankaŭ la meblara sumo plialtiĝis kompare al pasinta jaro, pro la nova aranĝo, kiu permesas al la propaganda grupo « La Verda Stelo » disponi, kontraŭ pago de honesta kompenso, pri niaj salonoj por kursoj kaj kunvenoj.

REZERVOJ: Niaj rezervoj altiĝis je l' komenco de la societa jaro je Fr. 3.500 por la laŭleĝa kaj 3.000 por la eksterordinara rezervo, dum ni amortizis la inventaron ĝis Fr. 23.000.

La Prezidanto.
Maur. JAUMOTTE.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde:

De la 7a ĝis la 8a: Dancleciono.
De la 8a ĝis la 9a: Kurso.
De la 9a ĝis la 10a: Kunveno.

La kunvenoj komenciĝos per kvinminuta perfektiga kurso.

Lundon, la 6-an de Junio: ne okazos kunveno.

Lundon, la 13-an: F-ino Obozinski raportos pri la Kongreso en Charleroi.

Lundon, la 20-an: F-ino Pierre parolos pri « Kelkaj naciaj skoloj de Muziko ».

Lundon, la 27-an: S-ino Staes-Vandervoorde parolos pri S-ino Zamenhof (El « Literatura Mondo » de Felikso Zamenhof.)

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

### GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 30-an de Aprilo, F-ino Jennen, la senlaca prezidantino de la Brusela Grupo, faris belegan kaj interesegan paroladon pri unu el siaj plej belaj krozadoj al la ekstrem-oriento de Eŭropo. Per tre trafaj lumbildoj ŝi ankoraŭ pli bone povis montri al ĉiuj la belecon de la vizititaj regionoj kaj klarigi la kutimojn de la enloĝantoj. S-ro Jaumotte substrekis la aplaŭdegon, kiu rekompencis la lertan paroladistinon.

La sekvantan Sabaton, S-ro De Coster faris same interesan paroladon pri regiono pli apuda, malpli impona eble, sed same alloga per ĝia natura beleco: Luksemburgo.

Ankaŭ liaj bildoj estis multe ŝatataj kaj la ĉeestantaro same vigle aplaŭdis la paroladiston.

La 14-an, komuna manĝo altiris multajn gemembrojn, kiuj, tiel, plej bone prepariĝis por la ekskurso de la morgaŭa tago al Mariaburg.

La 28-an, la kabaredvespero estis anstataŭata de tre interesaj klarigoj pri diversaj propagandaj punktoj. Tiu vespero estis gvidata, de la du vicprezidantoj S-roj Faes kaj De Hondt. Ni memorigu ke, dum tiu ĉi monato, S-ro Faes faris bonegan paroladon pri Esperanto, ĉe la « Happy Englishmen ».

**BRUGO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 26-an de Aprilo, S-ro H. Van Roye donis la kvinan lecionon de kurso por progresantoj; post tio li gvidis tre amuzan debaton: « Por kaj kontraŭ ĉapeloj ». Multaj ĉeestantoj esprimis plej diversajn opiniojn, kvankam plejmulte oni sin deklaris « porĉapela ».

La 3-an de Majo, S-ro Poupeye gvidis la legadon kaj klarigadon de B.E.; tiam F-ino Y. Thooris, kiel deligitino de IEL, tre interese parolis pri nia internacia Ligo, ĝiaj celo, kresko kaj servoj.

La 10-an de Majo, S-ro Ch. Poupeye diktis novan kanton « Lando de Charleroi ». La vespero gaje finiĝis per intima babilado.

Sesa leciono de kurso por progresantoj estis instruata, la 17-an de Majo, de F-ino Y Thooris, kiu donis poste plej freŝajn kaj interesajn sciigojn pri nia estonta kongreso en Charleroi Prepare al tiu, estis poste lernata la kanto « Lando de Charleroi », sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye, kun fortepiana akompanado de S-ino H. Van Roye.

**GENTO. — Genta Grupo.** — Dum la monata kunsido de 20-a de Majo, S-ro Vandevelde paroladis pri la temo: « Evoluo de la ideoj pri mondlingvo ».

Li metis sin je vidpunkto de defendo de Esperanto rilate al diroj de kleruloj, nur duone informitaj pri Esperanto (speco de Volapük?). Tiuj personoj aŭdas ankaŭ pri « plibonigoj de « Esperanto-volapük », pri novaj « sciencaj » lingvoj, ktp. Estas necese ke la esperantanoj sciu bone pri kio temas, por eventuale povi montri kie estas la eraro.

Post kelkaj vortoj pri fine forlasitaj sistemoj kiel « pasigrafioj », kaj lingvoj « a priori » (tio estas artefaritaj) la priparolanto faris komparojn inter « a posteriori » sistemoj, (do ne artefaritaj): Esperanto, Ido, Esperantido, Interlingua, Occidental, Novial. Li montris ke la laŭdirataj plibonigoj estas neutilaj komplikaĵoj; li atentigis pri la eraro de tiuj kiuj rekomendas « lingvon unuavide legeblan por kleruloj » kiuj scias diversajn lingvojn kaj latinan; li rimarkigis ke helpa lingvo devas esti ne « tuteŭropa », sed tutmonda.

La « lingvistiko » estas bela scienco, sed se oni devas atendi por fine akcepti ĝeneralan uzadon de helpa lingvo ke la komparistoj de « naturaj » lingvoj estus akordiĝintaj pri la sistemo arangôta de Komisiono, ni atendus longege, eble senfine.

Ni havas ilon kiu estas taŭga por ĉiuj uzoj, ĉu altsciencaj, ĉu de la ĉiutaga vivo. Tiu interkomprenilo estas facile lernebla por ĉiu homo kiu havas sufiĉan instruitecon pri la gramatiko de sia patrina lingvo, por Azianoj kaj civilizitaj Afrikanoj kiel por Eŭropanoj kaj Amerikanoj. Kial do oni bezonus specialan lingvon por scienculoj? Kial lingvon « tuteŭropan »? Kial oni devus atendi perfektaĵon? Kio estas perfekteco? Por uzi iun ajn genian eltrovaĵon oni ne atendis ke novaj serĉantoj estus plibonigintaj aŭ « perfektigintaj » ĝin. La uzado montras la plibonigojn. Same pri Esperanto: se plibonigoj montriĝas nepre necesaj, ili okazos, ne per ŝanĝo de necesa « Fundamento », sed per ompostiomaj aldonoj.

Esperanto ne estas artefaritaĵo (kiel diras erare eĉ esperantanoj); ĝi devenas de « naturaj » lingvoj, kiuj mem devenas de aliaj; sed, anstataŭ esti infano de neordaj parolkutimoj de popolo, aŭ de fantaziaĵoj de literaturistoj, esperanto estas naskita de historiaj lingvoj, per la helpo de genia kaj modesta homo.

Esperanto, kompare al diversaj projektoj havas la superecon de larĝe disvolvita literaturo. Se la esperantanoj volas ke Esperanto finfine venku, ili devas pligrandigi ĝian praktikan uzadon.

S-ino De Rijcke ĝentile dankis la paroladinton.

**LA LOUVIERE.** — En la « Alliance Industrielle », S-ro Schmitz, inĝeniero kaj kasisto de la loka grupo, faris dimanĉon, la 22-an de Majo, en « Café du Commerce », bone sukcesintan paroladon, pri « L'Esperanto, langue technique ».

S-ro Tassin, revenante de «Radio Wallonia», ĉeestis tiun bonegan propagandan klarigon, kun S-ro Marghem, kaj kun la gvidantoj de la organiza societo, el kiuj ni citu S-ron Ch. Emonts, prezidanto, kaj J. Goudelouf, sekretario, kiuj permesis la organizon de tiu parolado., ĉe la fino de la monata kunveno.

**Gratuloj.**

— Al S-ro BABILON, nia malnova samideano (Hasselt), pro lia honorigo, kiel kavaliro en la Ordeno de Leopoldo. (R.D. 8.4.38 )

— Al G-roj Georges VAN DEN BOSSCHE (Antverpeno), pro naskiĝo de filineto Christiane (23.5.38).

— Al G-roj Maurice BOEREN (Antverpeno) pro naskiĝo de filo André (25.5.38).

**Kondolencoj.**

— Al F-ino Alice Boereboom, komitatanino, kaj al F-ino Céleste Boereboom, membrino de la Bruĝa Grupo, ni prezentas tutkorajn kondolencojn pro la kruela funebro, kiu trafis ilin en la persono de ilia karmemora Patro, S-ro BOEREBOOM, Impostricevisto pro honoro, kaj fidela amiko de la grupo, kiu mortis post longa malsano la 6-5-'38.

## Perradia propagando

Niaj legantoj scias, ke nia Liga kasisto S-ro Tassin faras, jam de jaroj, dimanĉe, propagandon ĉe la mikrofono de « Radio-Wallonia ».

La 22-an de Majo, li invitis S-ron Marghem, la prezidanton de la LKK de Charleroi, kiun li prezentis kaj al kiu li donis la okazon klarigi la programon de la Kongreso, kaj fari grandan alvokon al la Esperantistoj de la valona parto de nia lando kaj de Francujo

S-ro Tassin kaptis la okazon, por ankaŭ atentigi la ordinarajn, neesperantistajn aŭskultantojn, pri la Koresponda Kurso, eldonita de « Belga Esperanto-Instituto ».

Plej bona propagando por nia movado ĝenerale.

## Hasselt 1939

**La Ligestraro decidis ke la Kongreso 1939 okazos en la Limburga ĉefloko : HASSELT.**

**Loka Kongresa Komitato estos starigata de la Hasseltaj membroj de Belga Ligo, post kelkaj tagoj, sed jen estas jam la adreso de la**

**28a Belga Kongreso de Esperanto**
**13, Kapelstraat**
**HASSELT.**

## Paŝo post paŝo

Okaze de nia XXVIIa Kongreso, la Belga Fabriko de Lampoj « MAZDA », kiu jam plurfoje montris simpation por nia lingvo, mendis Korespondan Esperanto-kurson por sia oficistaro.

Nia brusela amiko, kiu atingis tiun rezulton, esperas ke tio nur estos unua paŝo al vera esperantigo de granda komerca entrepreno.

Jojo.

## Nia Gazetaro

Ni ne povas plendi en Belgujo pri la gazetaro, kiu, ĝenerale, tre larĝe subtenas nian movadon, enpresigante ne nur komunikojn, sed ankaŭ tutajn artikolojn.

Ni jam citis « La Patrie » (Bruĝo), kiu faras bonegan propagandon, per ĉiusemajna artikolo.

En Loveno, la semajna gazeto « Le Moniteur » ankaŭ aperigas regule artikolojn.

La ĵurnalo « L'Invalide Belge » akceptis, siaflanke, enpresi artikolon, verkitan de F-ino Jennen, « Se Comprendre ».

La detala programo de la kongreso, baldaŭ okazonta en Charleroi, estis enpresata en multaj tagĵurnaloj.




## OFICIALA INFORMILO N-RO 5.

**Kotizoj.** — De nun la kongreskotizo estas £ 1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj pagas po 15 ŝil. Pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Loĝejoj kaj Ekskursoj.** — Mendiloj estas jam senditaj al kongresanoj, kaj pliaj ekzempleroj estas haveblaj ĉe la kongresoficejo. La komitato ne povas garantii loĝadon aŭ partoprenon en ekskurso al kongresano, kiu ne plenumas la kondiĉojn.

**Programo.** — La provizora programo jam aperis, kaj ni esperas sendi la kongreslibron al kongresanoj en junio. La jenaj novaj sciigoj, tamen, sendube interesos la legantojn:

Dimanĉo. — Multaj restoracioj en Londono estas fermitaj dimanĉe. Ni tial aranĝis komunan tagmanĝon por mil kongresanoj en Lyons' Oxford Corner House, tuj kontraŭ la Dominion Theatre, kie okazos la Solena Inaŭguro. La kosto estos 2ŝ. 6p., kaj biletoj estos haveblaj en la kongresejo tuj post via alveno en Londono. La ceteraj kongresanoj povos tagmanĝi en aliaj restoracioj sufiĉe proksime.

La Diservo okazos en The City Temple, granda preĝejo atingebla en dek minutoj de la restoracio supre-menciita. La Diservon kondukos Pastro W. H. Downes, bone konata kaj sperta angla samideano.

La Teatraĵo okazos lunde kaj marde en la Scala Theatre, Charlotte Street, W.1, tute proksime al la kongresejo. Ĝi estos komedio: «Eliza Restas» kiun prezentos la Neilson-Terry Guild of Dramatic Art, kies membroj nun kun aparta sukceso lernas Esperanton en Cseh-metoda kurso de f-ino Saxl. Duono de la kongresanoj ĉeestos la teatraĵon lunde, kaj duono marde. Je tiuj du tagoj, la kongresanoj, kiuj ne estos en la teatro, povos ĉeesti filmprezentadon en la kongresejo.

**Balo.** — La kongresa balo okazos ĵaŭdon, en Alexandra Palace, kelkajn kilometrojn norde de la centro. Specialaj vagonaroj portos la kongresanojn al kaj de la balsalono. Bonvolu laŭeble kunporti nacian kostumon!

Vendredon vespere okazos nova aranĝo, kiu, ni opinias, plaĉos al la kongresanoj. En la Central Hall, Westminster, — unu el la plej grandaj koncertejoj en Londono — aro da tre lertaj infanoj el la Nacia Hejmaro kaj Orfejo por Infanoj prezentos al la kongresanoj allogan programon de kantoj, dancoj, kant-teatraĵetoj, korp-ekzercoj ktp.

**Fakaj Kunsidoj** estas aranĝitaj por Skoltoj, Bahaanoj, T.A.G.E., Katolikoj, Kvakeroj, la Unuigita Komitato por Impostoj laŭ la Valoro de la Tero, I.S.A.E., Komerco, K.E.L.I., Turismo, Aviado.

La kunsido aranĝata de la Kvakeroj estas granda kunveno sub la titolo « La Nuna Mondstato: Kiel Povas Esperanto Hodiaŭ Plej Bone Helpi al Mondfrateco kaj Internacia Paco ». Inter la parolantoj estos D-ro Edmond Privat.

**Karavanoj.** — Krom la jam anoncitaj, oni aranĝas la jenajn karavanojn:

Italujo: Itala Esperanto-Federacio, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.

Nederlando: J. Telling, Schietbaanlaan 106a, **Rotterdam.**

**Membraro.** — Ĝis hodiaŭ (8-4-1938) aliĝis al la kongreso 1235 el 26 landoj.

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

Por la Organiza Komitato,
Cecil C. Goldsmith, Sekretario.

## Instrua fakto

### Pri la angla-itala interkonsento la franca teksto grave diferencas de la angla.

En la gazeto de Paris: « Le Matin », troviĝas la sekvanta artikolo pri la protokolo de la kunsido de la anglaj kaj francaj ministroj, kiu ĵus okazis en London:

« ... Pri la anglo-itala interkonsento la angla teksto estas: „ **The french ministers welcomed this contribution to European appeasement...** ", kies traduko devus esti: „ Les ministres français ont considéré comme la bienvenue cette contribution à l'apaisement européen "; dum la franca teksto estas: „ **Les ministres français ont approuvé cette contribution...** " Sekve la angla teksto estas pli varma ol la franca. »

Pli grava ol tiu nuanco estas la diferenco inter la tekstoj, ĉar, laŭ la franca teksto, ŝajnas, ke la francaj ministroj rajtus aprobi aŭ malaprobi agon de la angla registaro; dum la angla teksto diras nur ke ili plezure konstatis tiun agon. Feliĉe la angloj ne komprenas la francan tekston, kiu povus prave ofendi ilin.

« ... Pri la centra Eŭropo, la angla teksto parolas nur pri la ago entreprenota, ... por trovi bazon (**find the basis**) de paca kaj justa solvo de la problemoj ekzistantaj en tiu regiono, dum la franca teksto parolas pri certigado de tiu solvo (assurer la solution)... »

Do la anglaj ministroj serĉas la solvon, dum la francaj, kiuj trovis ĝin, opinias ke ĝi devas esti aplikata.

En la du temoj estis miskompreno malgraŭ ĝisfunda deziro interkompreniĝi; kvankam negrava, ĝi pruvas utilecon de Esperanto, kiu nur povas forigi tiujn danĝerajn en eblaj okazoj, erarojn, en la diplomataj kunsidoj.

El « Heroldo ». Rollet de l'Isle.



## Anoncetoj

*Turnu vin al samideanaj firmoj :*



## POR KORESPONDEMULO

Legiano Wilmotte Oscar, 6839, Clique 4 R.E. Camp Mangin, Marrakech, Maroko, deziras korespondi kun esperantistino.

**E. Anderegg-Chevalley,** Horn am Bodensee, Thurgau (Svisujo) serĉas urĝe por filatelista ekspozicio, la Esperanto-Kongres-poŝtstampon de Antverpeno 1928. Li deziras ĝin interŝanĝi aŭ aĉeti.

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.

**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I.E.L. sin turni al: S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.